1/98

# Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## Unua el Afriko

### Jam 9 kandidatoj sukcesis en la trejnkurso

**La trejnkurso lanĉiĝis en 1995: el 24 personoj, kiuj komencis la kurson, naŭ sukcese kompletigis ĝin, ĉiuj kun honoro (pli ol 70 %). La plejlasta sukcesinto fariĝis samtempe la unua el Afriko: TEĴA varme gratulas s–ron Mensah B. Attiogbe–Agbemadon (Togo).**

El la 15 personoj, kiuj ankoraŭ ne finis la kurson, almenaŭ tri (laŭ docento–raportoj) ne plu aktivas. Povas esti, ke pli ol tri forlasis la kurson: oni devas nun dubi pri tiuj, kiuj komencis la kurson en 1995 kaj kiuj ankoraŭ ne atingis la finan lecionon. Atendas tri interesatoj, kiuj laŭ la nova regularo verkis akcepteblajn prov–eseojn kaj kiuj rajtas komenci la kurson. Oni memoros, ke tiu ĉi nova regulo estis enkondukita por kontroli la lingvo–nivelon de studontoj. En lapasinta jaro du petintoj prezentis lingve nekontentigajn prov–eseojn: ambaŭ konsiliĝis, ke ili unue plibonigu siajn lingvajn kapablojn kaj tiam sendu novan prov–eseon. La trejnkurso de TEĴA ne estas Esperanto–kurso sed ĵurnalismo–kurso. Espereble dum la UK la tri atendantoj estos kunligitaj kun docentoj.
Al la docentoj TEĴA ŝuldas sincerajn dankesprimojn. Plej aktivas Stefan Maul (naŭ studantoj/intoj); ankaŭ Will Green (sep), Evgeni Georgiev (kvar), Paul Gubbins (tri) kaj Jacques Le Puil (unu).

**Kio devus kaj povus okazi estonte?**
Pri la estonto: la trejnkurso, eksperimente kaj iom haste preparita (en pra–ĉapelila epoko), bezonas reviziadon kaj de enhava kaj de aspekta vidpunktoj. Al ties iniciatinto kaj respondeculo pro diversaj kialoj (ĉefe pro ŝanĝoj ĉe la laborejo; ankaŭ pro Esperantaj premoj) mankos tempo en videbla estonto por entrepreni tiun laboron. Se kompetenta entuziasmulo estus preta transpreni tiun taskon, TEĴA estus ege danka.
Ĝenerale la trejnkurso glate funkcias. Furoras intereso en Afriko: plejparte el tiu ĉi kontinento venas informpetoj (pro reklamo presita antaŭ du–tri jaroj en numero de *Kontakto*, kiu kredeble ankoraŭ rondiras en Afriko). Tamen sendi leterojn al Afriko similas al loterio: oni enpoŝtigas informon pri la trejnkurso kaj tiam, post duonjaro, venas alia letero, en kiu la skribinto demandas: Kial mi ricevis nenion pri TEĴA?
Se aperus novaj reklamoj en la E–gazetaro, oni ricevus pli da informpetoj el Eŭropo kaj el la t. n. evoluinta mondo. Tamen oni devas sin demandi, ĉu estus saĝe denove reklami, dum atendas tri studantoj kaj dum urĝas reviziado de la studmaterialo. Eble tion oni povos diskuti dum la jarkunsido de TEĴA.
Parenteze: kompleta kaj regule aktualigita listo de sukcesintoj (kune kun bazaj informoj pri TEĴA) troviĝas en interreto ĉe
http://ourworld.compuserve.com/homepages/PGubbins.
Kvankam tiu ĉi paĝaro (alirebla ankaŭ pere de la Virtuala Esperanto–Biblioteko: vidu kapvorton: Ĵurnalismo) ne oficiale reprezentas la asocion, ĝi tamen celas speguli ties celojn kaj agadon. Atentigoj pri mankoj aŭ/kaj eraroj estas ĉiam bonvenaj!
Paul GUBBINS

## Ni invitas al Montpellier

### Membrokunveno kaj UEA–seminario

**TEĴA invitas siajn membrojn al la UK en Montpeliero, dum kiu okazos la membrokunveno de nia asocio (vidu p. 2), krome aparta seminario pri rilatado kun amaskomunikiloj de UEA.**

Pri ĝi informas UEA per jena komuniko:

Ĝenerala informado pri Esperanto estas unuavice tasko de la landaj asocioj. UEA klopodas laŭeble apogi ilin por ke ili povu plenumi tiun gravan taskon kiel eble plej bone. Por tiu celo la laborplano de UEA pri Kampanjo 2000 inkluzivis okazigon de seminario pri rilatoj kun amaskomunikiloj kadre de la UK en Montpeliero. Ĝi okazos ĵaŭdon, la 6–an de aŭgusto, de la 14a ĝis la 18a horo en la kongresejo. La ĉefprelegantoj estos la konataj ĵurnalistoj Stefan Maul, fondinto de MONATO kaj prezidanto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, kaj Andrzej Pettyn, estro de la Esperanto–redakcio de Pola Radio.
La seminario celas unuavice personojn kiuj en sia asocio respondecas pri ekstera informado, sed ĝi estos malferma ankaŭ por ĉiu alia, kiu serioze okupiĝas pri informado ekz. sur loka nivelo. La ĉefa celo estos montri, kiel Esperanto–asocioj povas altiri la atenton de ĵurnalistoj, kaj diskuti, kion ni volas diri al la amaskomunikiloj.

**Ĉu vi jam pagis vian kotizon por 1998?**

KOLOFONO

*Internacia Ĵurnalisto*

cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio; retadreso maul@newsfactory.net
Redaktofino de tiu ĉi numero: 24 jun 98
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Estraro de TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso 100103.3317@compuserve.com
Ĝenerala sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio; retadreso (syama@dokkyo.ac.jp)
Estraranoj: Aleksander KORĴENKOV; Paul PEERAERTS.
Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN
Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando
Membrokotizo: 20,00 germanaj markoj aŭ 13,50 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

## Plia ĵurnalisto en Akademio de Esperanto

En la Akademio de Esperanto (AdE) nun troviĝas tri membroj de TEĴA: Andrzej PETTYN, YAMASAKI Seikô kaj kiel nova akademiano Stefan MAUL.
Certe estas bone, ke apud lingvistoj kaj literatoroj en AdE membras ankaŭ praktikantoj de la lingvo, nome ĵurnalistoj. S. Maul sugestis intertempe starigon de konsultejo de la Akademio, sed estas dubinde ĉu tio povos realiĝi. Maul argumentas, ke precipe verkantoj kaj redaktoroj urĝe bezonus tian konsultejon, kiu relative rapide – helpe de interreto – povus eldiri rekomendon pri lingva problemo. Certe la Akademio ne tuj starigos tian konsultejon.

# Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

## Tagordo

**de la membrokunveno, Montpellier, 2a de aŭgusto 1998, 15 h (la salonon bonvolu trovi en la kongreslibro)**

1. Malfermo fare de la prezidanto
 1.1. Elekto de prtokolanto
 1.2 Kompletigo aŭ akcepto de la tagordo
2. Agad–raporto de la estraro, kasraporto
 2.1. Raportoj de landaj sekcioj
4. Senŝarĝo de estraro kaj kasisto
5. Elekto de la estraro
6. Aprobo de l' buĝeto
7. Ŝanĝo de la statuto
8. Estonta eldonado de *Internacia Ĵurnalisto*
9. Diversaĵoj

---

**Kasraporto**

Spezokonto

| | FEL (BEF) | UEA (DEM) |
|---|---|---|
| Saldo 1997-07-01 | 25 931 k | 7,99 k |
| Enspezo | 11 370 | 202,88 |
| Elspezo | 12 990 | 193,00 |
| Saldo 1997-04-22 | 24 311 k | 7,87 k |

Membreco: 72 en 1996, el kiuj 41 pagis kotizon por 1997, kaj 7 por 1998. Redaktofine la supraj estas la plej novaj ciferoj, kaj la ĉeestantoj de la membrokunveno sine de la Montpeliera UK estos buŝe informitaj pri pli novaj ciferoj, se eble.
Ni dankas la sekvajn kolegojn pro iliaj malavaraj donacoj dum la lasta jaro; inter tiuj, multaj okcidentaj kunmetiuloj pagis la malnovan kotizon 30 DEM anstataŭ reviziitan 20 DEM: Franklin D. van Zoest, Mandita Iacob, Detlev Meier, Karl-Heinz Sommer, Giancarlo Rinaldo, J. Pietilainen, Norvega E-Ligo, Cleber de Moraes Lemos.
YAMASAKI Seikô

---

### Al MONATO-kontribuantoj

Mi kelkfoje proponis tion ĉi al Paul Peeraerts kaj Stefan Maul, sed estis ignorita: ke la redakcio de MONATO postulu membrecon de TEĴA kiam kontribuantoj subskribas la kontrakton.
Temas pri la redakcio de MONATO, kaj ne pri TEĴA, sed la membrokunveno povas peti al ĝi tion. Kiam TEĴA estis reorganizita kaj Stefan Maul prenis oficon de prezidanto, ĝia membreco multiĝis per la enfluo de la tiutempaj kontribuantoj de MONATO. Ili estis postulitaj membriĝi ĉar Intermonato, interna periodaĵo redaktata de Maul kaj distribuata senpage, ne publikiĝos plu, anstataŭita de IĴ. La kotizon oni estis devigita pagi per kreditkartoj, kaj ni informis la novan redakcion pri la kartnumero.

Mi nur proponas la preskaŭ saman kiel tiam. MONATO fieras nun cent kunlaborantojn, el kiuj ne multaj estas membroj de TEĴA, dum tiu historia fakto estis forgesita. La membreco transirus la sojlon de cent facile.
YAMASAKI Seikô